*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 19/04/2019 Kvarcentdudekdua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo*

*Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo*

*Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 816,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **332,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **307,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **177,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.





### N.ro.64 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)

P.A.G. dividas la Predikatojn, la verban parton de Propozicio, en tri malsamajn specojn:



**1e**. la Ag-Propozicio, kun nur (unu) verbo, kaj kiun mi nomas la Simpla Predikato,

**2e.** la Ec-Propozicio, kiun mi nomas la Predikativan Predikaton, kaj

**3e**. la Atribuado, kiun mi ankaŭ nomas la Predikativa Predikato, ($$ 165 – 177).




Mi ne uzas la titolon “:Ag-Propozicio”, ĉar mi juĝas agoj ankaŭ la verbojn esti, resti, ĉeesti, ŝajni, aspekti, juĝi, k.t.p., kiuj uzatas en la (PAG-aj) dua kaj tria specoj de la Predikato.

Dum P.A.G. klarigas sian “Ag-Propozicion”, ĝi mencias nur la plurajn kazojn kie la Verbo ne akompanatas de la normalaj frazpartoj aŭ kie la verbo mem mankas. Mi atribuas ĉion ĉi tion al “elipsado”, kaj nomas la partojn kun elipsoj “elipsitaj frazpartoj” aŭ “subkomprenataj vortoj”. Sed la esenco de la Ag-Propozicio, la Simpla Predikato, estas ke ĝi konsistas el nur unu vorto, verbo, kiel en “La viro BATAS la hundon”. Proksimfoje pri la nesimplaj predikatoj. *Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

**Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.** rspring@tpg.com.au




*Adiaŭ karaj Margaret kaj Eunice, fidelaj anoj de nia mondvasta familio. Ripozu en paco eterna.*
*Vera Payne*



Kvankam estis antaŭvidite, la morto de Eŭnice ŝajnas ŝoka. Unu pli bona esperantistino en malmulte da tempo forlasas nin. *Franciska Toubale*

*Geesperantistoj Roger kaj Mei Springer, Nicole Else kaj John Casey ĉeestis la funebran ceremonion. Roger*

# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. La 20a de aprilo estos la tria sabato. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. Venu al la Manlia grupo. Bonaj amikoj bonvenigos vin. *Roger S.*






BES diligente studis kadre de la lasta monata kunveno.



*Gasto Shon Mudole kun prezidanto Doug Eising*



Post leciono ni ĝuis kafon kaj kukon *Peter Danzer*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

# El Adelajdo

Katja Steele



En la hejmo de Sandor Horvath kolektiĝis la 13-an de aprilo 13 esperantistoj. La gastiganto dividis la ĉeestantojn en grupojn kaj donis al ili krucvortenigmojn. La gajninta grupo estis tiu, kiu plej rapide solvis la enigmojn. Per ĉi-luda maniero oni lernis kelkajn novajn E-vortojn.





Cathy Taggart, Benno Lang, Michael Carney



**1.** Paul Desailly, Indrani Beharry-Lall, Trevor Steele, Sandor Horvath

**2** Bob Felby, Andrew Woods, Charles Stevenson

# Pinka? Rozkolora?



En kelkaj el miaj romanoj mi uzis "pinka" por esprimi la nomon de tiu koloro. Foje recenzantoj protestas. Iu skribis: *la ĝusta vorto estas rozkolora.*





Nu, se oni skribas *oranĝkolora,* neniu problemo, ĉar laŭ mia scio en la tuta mondo oranĝoj havas la saman koloron.



Sed *rozkolora?* Kiun koloron havas rozo? Flavan? Bluan? Karmezinan? Blankan? Nigran? La vorto *rozkolora* simple ne povas gvidi nin. Mi volonte uzus alian vorton, sed mi rimarkis, ke diversaj lingvoj bonvenigis tiun anglan vorton, kiu estas tute klara. Do mi ne pentas pri mia vortuzo.



Trevor Steele

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

# Lingvoĝardeno kaj Ĝardenolingvo.



## DROGOJ KAJ DROGOJ .

La registaroj penas, kaj ofte sukcesas, malpermesi la manĝon de danĝeraj drogoj. Ili por tio faras kaj akceptas kaj efikigas leĝojn. Ĉu registaroj havas morale la rajton? Laŭ mi ne, ĈAR ili malpermesas nur la konkretajn drogojn kaj ne la malkonkretajn. Ili ĝuste opinias, ke konkretaj drogoj kaŭzas al la uzantoj malsanojn kaj akcidentojn. Kaj ekzistas jam leĝoj ke oni ne rajtas mortigi sin, kaj do ankaŭ ke oni ne rajtas malsanigi sin, kio ja estas survoje al simortigo. Sed ĉu la uzo de malkonkretaj drogoj ankaŭ ne kaŭzas malsanojn kaj mortojn? Ne nur al la uzantoj, per simortigo, sed ankaŭ al la viktimoj de droguloj? En militoj, kie ja la drogo estas kredi ke ni devas ataki alian landon, tiu kredo estas forta drogo, uzata de registaroj sur siajn ŝtatanojn. Ĉu tia drogo kredi tion ne devus malpermesati ankaŭ? Leĝe? Kaj kiam mi partoprenas en politika partio, ĉu mi ne aĉetas drogon? Same se mi eniras preĝejon. Same se mi akceptas la neniel pruvitan drogon, ke ekzistas vivo post la morto. Ĉu tiu lasta drogo ne kaŭzis homojn de unu religio malsanigi kaj mortigi grandskale homojn de alia religio tra la historio de la homaro? Pensu pri la multaj pro tiu drogo faritaj mortigoj dum la krucmilitoj en Mezoriento. Kaj pri la nuntempaj religiaj militoj. Kaj se junaj homoj ne estus aĉetintaj la drogon ke estas vivo post la morto, multaj ne estus sin oferintaj al sia morto dum krima mortigado ante drogitojn de alia religio. Kvankam homoj rajtu sendanĝere fantazii, la registaro rajtu malpermesi drogadon al tiuj fantazioj.

Do dum oni science ankoraŭ ne pruvis ke postmorta vivo ne ekzistas, ni devas havi la rajton kredi ke eble ĝi ekzistas. Same kiel sciencisto kredas en ion esplorindan, sed ne oficiale anoncas tion kiel la veron, almenaŭ ne antaŭ ol li/ŝi pruvis sian fantaziaĵojn esti la vero. Sed la registaro devas havi la rajton malpermesi ke oni, t.e. la informservoj kaj la politikaj partioj kaj la eklezioj, drogas aliajn homojn al tiuj eventualaj neveroj antaŭ ol la vero de la fantaziaĵo pruvatis. Kaj en certiuj kazoj tiaj drogoj mortigas. Certe, fantaziu, sed ne rajtu ŝajnigi al aliaj ke via fantaziado estas la vero. Tio estas drogo, ne permesenda. Fakte en plej multaj landoj ekzistas leĝoj kiuj malpermesas en politiko kaj en komerco malkonfirmi la pruvitan veron. Sed ankoraŭ ne en aliaj homaj sferoj.

*Marcel Leereveld*.

## DROGETOJ KAJ DROGETOJ .

En Esperantujo mi pruvis, ke du aŭ tri uzataĵoj estas gramatike neĝustaj. Oni ne rajtu diri, ke mi malpravas, antaŭ ol oni pruvis, ke mi malpravas. Sed ĝis nun oni diris nur "Oh, ci malpravas". Punkto; sen pruvoj. Tio morale ne permesatu. Kaj pli malbone: oni sen pruvoj drogige ĉirkaŭsugestas, ke mi malpravas. *Marcel Leereveld.*

## LA MALTEDA VETERO DE MELBURNO.

Vi ne bezonas kredi tion, sed dum du semajnoj la vetero decidis sentigi al ni ke ni devas honori la melburnan aŭtunan varmecon kiu nun komenciĝas. Sed floroj ne multe videblas,

nur kelkaj postlasataj. La akacioj ankoraŭ ne floras, do mia ĝardeno estas preskaŭ tute verda, kiel Esperanto. Unu grimpoplanto floras, bele, sed ĝi kreskas en preskaŭ nevidebla loko, flanke de la domo. En tiu flanko ni preskaŭ neniam iras. Tiu bela floro sur grimpanto estas por ni memoriga, ĉar antaŭ pli ol kvardek jaroj mia edzino kaj mi vizitis Sidneon kaj luis remboateton sur unu el la riveroj. Tie ĉe la riverbordo sur privata tereno ni vidis la tre belan grimpanton, kaj rikoltis kelkajn semojn ĝiajn, kiujn mi plantis en Melburno. Tiu planto plu vivas en mia ĝardeno. Alia memoriga planto estas la morta trunko de Chameacyparis-arbo ricevita el de la edzino de antaŭe hamburga juda Esperantisto amika al ni; ŝi havis ĝin en poto sur sia balkono. Alia estas pendbranĉkverko ricevita el de la Oakley'a klubo de Adriana Fink, kiel danko por mia dujara instruado de Esperanto tie. Kaj kelkaj aliaj tiaj kazoj, nekoncernaj al Esperanto. La fruktoj de la persimono, Diospyros Kaki, jam videblas dum du monatoj, sed ili bezonas du jarojn por maturiĝi kaj manĝati proksiman someron. Tiu japana fruktarbo estas fratino de alia fama arbo, la ebono (Diospyros Ebenum, kun la preskaŭ nigra ligno, de kiu mi plu havas statueton skulptitan de mia patro, la en Nederlando tiam fama lignoskulptisto. La figoj jam malaperis, antaŭ ol maturiĝi, pro la diligento de la birdoj. Ni nun havas katon, kaj esperas ke li forĉasos la birdojn. Li jam kaptis unu birdon, ludante kun ĝi mortigis ĝin, sed ne manĝas ĝin. Uzi retojn estas tro multe da laboro por mi, kaj ofte ne komplete helpas. Malgraŭ iomete da malvarmo, Melburno ricevis tre malmulte da pluvo, do nutro por la plantoj, el pasinta vintro nunen. Danke al mi kaj vi veturigante aŭtomobilojn, kelkaj arboj mortis, aŭ almenaŭ perdis siajn foliojn. Eĉ unu magnolio. Sed la misherboj prosperas.

*Marcel.*

**LINGVĜARDENO KAJ ĜARDENLINGVO .** Jen la esenco de la AGLUTINA vortkunmetado: Lingvoĝardeno estas ĝardeno, ne lingvo, kaj ĝardenlingvo estas lingvo, ne ĝardeno. En la landoj, kie oni parolas aglutinan lingvon, la homoj ne scias tion, kaj ne bezonas scii tion ĉar ili simple parolas tiel kiel la gepatroj. Ili eĉ ne lernas tion en siaj lernejoj elementaj kaj mezgradaj. Kelkaj hindeŭropaj lingvoj, eŭropaj, evoluis tiel por krei pli da vortoj. Sed ne pensu ke la aliaj hindeŭropaj lingvoj ne povas krei nomojn por la samaj ideoj. Ili uzas simple alian sistemon, ne tiom riĉan. Kaj en alia vicordo de la vortoj. Tion lastan vi povas eĉ fari ankaŭ en la aglutina lingvo Esperanto, sed vi sonus iomete stranga, diradante "tuko de tablo" kaj "Lingvo de ĝardeno". Kaj vi estus iom stranga, uzante pli da literoj kaj do pli da spiro ol la aglutinuloj. Sed vi ne povus fari vortojn laŭ aliaj manieroj, en Esperanto. Do vi ne povus diri "tuko tablo", laŭ la malaja lingvo. Por la malajoj Esperanto do estas iomete pli malfacila, sed nur treete. Kaj Esperanto iomete pli malfacilas por ili pro tio ke iliaj verboj ne montras la tempon de la ago. Tion devas fari tempadverboj k.t.p. Por nia "Mi vojaĝis al Hindujo" ili devas diri "Mi vojaĝas pasintan jaron al Hindujo". Aliaj popoloj, kiaj la ĉinoj, havas multe pli da problemoj lernante Esperanton, ĉar iliaj lingvoj multe pli diferencas de la niaj. Ni simpatiu kun ili! Kaj ankaŭ la angloparolantoj havas iomete da malfacilo, ĉar ili ne scias ĉu skribi "veterprognozo aŭ vetero prognozo", en du vortoj. Do kompatu ankaŭ ilin, sed nur tre iomete. Aliparte de la lingvoj, la hindeŭropaj evoluigis tre komplikan verbtemposistemon, ĉar tiuj homoj deziris indiki ne nur ke ago okazis, ekz. "Mi manĝis", sed krome ili volis kaj volas rakonti la nunan efekton de tiu pasinta ago, nome per "Mi estas (nun) manĝinta (=

plenstomaka)”. Do teorie, kaj en la fora pasinteco, “Mi manĝis” ne donas informojn pri la nuna stato de via stomako. Vi donas tiujn informojn nur, se iu alia volas scii kial vi nun ne volas manĝi: “Ĉu ci volas nun manĝi?”, “Ne, ĈAR mi estas manĝinta”. Do vi uzas la formojn “estas inta”, “*have done*”, nur por doni la tialon de alia ago via nun. Tio estas komplika por multaj homoj kiuj parolas alian lingvon kiu ne tiom komplikas. Kaj tio eĉ donas problemon al Esperantolernantoj hindeŭropaj, ĉar Esperanto uzas aliajn formojn por la sama fenomeno kiu kaŭzas erarojn. Ekzemple por “*The electricity wire has been repaired*” ili malĝuste diras “La elektrodrato estis riparita,”, kio devas esti “estas riparita” Kaj la afero pli komplikiĝas en Eŭropo, ĉar oni jam ellonge estas ekuzanta “Mi estas manĝinta” por “mi manĝis” kaj “la kokinaĵo estas manĝita” por “la kokinaĵo manĝatis”. Vi bezonas scii tiun fakton nur se vi lernas Esperanton; la ne-Esperantistoj, bonŝance por ili, ne bezonas scii tion. Kaj el la Esperantistoj nur la vortaristoj kaj verkistoj kaj lernolibristoj kaj Esperantologoj nepre bezonas scii tion. Bonan ŝancon por la aliaj! *Marcel Leereveld*.

# La Helsinki-iniciato por plurlingveco en la scienca komunikado

https://www.helsinki-initiative.org

Esplorado estas internacia. Tiel estu! Multlingveco vivtenas loke gravan esploradon! Ĝin protekti estas nia tasko! La disvastigo de esplorrezultoj en la propra lingvo de la esploranto kreas efikajn rezultojn. Tion ni subtenu! La interagado kun la socio kaj la divido de scio ekster la kadrojn de la scienca komunumo estas grava. Tio subtenindas! La infrastrukturo por scienca komunikado en la diversaj naciaj lingvoj estas fragila. Ni ne rajtas perdi ĝin!

1. Subteno de la disvastigo de esplorrezultoj por atingi grandskalan socian utilon
2. Protekto de nacia infrastrukturo por la publikado de loke grava esplorado
3. Subteno de lingva multspececo en la pritaksado kaj sponsorado de esplorado



*Tradukita de Peter Weide*




Tiu ĉi numero de la *Kuriero* grave kontribuas al la mondskalaj klopodoj por dediĉi pli grandan atenton al la lingvoj de la indiĝenaj popoloj. Ĝi estas valora aldonaĵo al la verko publikigita en 2018 de Unesko kaj *Cambridge University Press*, titolita *Indigenous Knowledge for Climate Change Assessment and Adaptation* (Indiĝenaj scioj por taksado de la klimatŝanĝo kaj adaptiĝo al ĝi), kiu reliefigas la esencon de la indiĝenaj scioj por alfronti novajn tutmondajn defiojn.

UEA alvokas al landaj, lokaj kaj fakaj Esperanto-organizoj aŭ grupoj kaj Esperanto-parolantoj tra la tuta mondo kontribui al la Internacia Jaro de Indiĝenaj Lingvoj en siaj landoj kaj regionoj per diversaj manieroj:



Kuriero 2019 Internacia Jaro de Indiĝenaj Lingvoj informis nin *Katja Steele*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

# Verkilo kun esperantlingva literumkontrolado

Se vi verkas artikolon aŭ retpaĝon en Esperanto, gravas kontroli ĝin por literumaj eraroj kaj por gramatikaj eraroj antaŭ ol sendi ĝin por publikigo. Depende de kiel vi laboras, vi eble bezonos literumkontrolilon por vortprocesilo, kaj por TTT-foliumilo, kaj por retpoŝta programo. Necesas agordi ĉiun programon aparte. Ĝenerale tio eblas nur ĉe liberaj programaroj, ĉar esperantistoj povas kontribui programadon kaj vortlistojn. Komercaj programaroj ĝenerale ne liveras kontrolilojn por esperantaj tekstoj.

En ĉi tiu artikolo mi priskribas kion mi faras por kontroli literumadon de esperantaj tekstoj en vortprocesilo.

### Vortprocesilo

La plej taŭga vortprocesilo estas **LibreOffice Writer (Verkilo)**. Ĝi estas parto de la programaro LibreOffice, kiu estas libera programaro kaj disponeblas senpage por makintoŝaj, vindozaj kaj linuksaj komputiloj, kaj por androidiloj. Disponeblas instrukcioj pri kiel instali je LibreOffice ĉe: https://www.libreoffice.org/get-help/install-howto/ Se vi volas, vi povas instali la esperantan fasadon kaj helpon. Oni povas kontroli esperantan tekston eĉ se la fasado estas en alia lingvo.

Instalinte je LibreOffice, vi ankaŭ bezonas instali kromprogramon por kontroli esperantajn tekstojn. Malfermu la programon LibreOffice Writer (Verkilo) kaj elektu la menuerojn: Tools (Iloj) > Extension Manager (Aldonaĵa mastrumilo) > Get more extensions online (Legi pliajn aldonaĵojn rete) > enigu la vorton Esperanto en la serĉan kampon kaj elektu aldonaĵon. Kiun mi uzas, tiu estas:

### Esperanto spellchecker, thesaurus and hyphenizer

https://extensions.libreoffice.org/extensions/esperanto-spellchecker-thesaurus-and-hyphenizer

Elŝutu la aldonaĵon kaj instalu ĝin laŭ la instrukcioj en la paĝo pri aldonaĵoj.

### Agordi la dokumentan lingvon

Vi povas elekti la lingvon uzotan apriore por ĉiu nova dokumento en Verkilo. Por fari tion, vi povas iri al Tools (Iloj) > Options (Agordaĵoj) > Language settings (Lingvaj agordoj) > Languages (Lingvoj) > en la sekcio Default languages for documents (Aprioraj lingvoj por dokumentoj), Western (Okcidentaj), elektu Esperanton.

Kiam vi volas verki novan dokumenton, aŭ ŝargas ekzistantan dokumenton, certigu ke la dokumenta lingvo estas Esperanto (aŭ la lingvo uzota). La nomo de la lingvo uzata ĉe la kursoro vidiĝas en la ilobreto ĉe la malsupro de la fenestro. Por ŝanĝi la dokumentan lingvon, iru al la menueroj: Tools (Iloj) > Language (Lingvo) > For all text (Por la tuta teksto) > Esperanto. Vi povos tiam redakti la dokumenton kaj LibreOffice aŭtomate kontrolos la literumadon dum vi tajpas.

La helpa paĝo (en la angla) pri aŭtomata literumkontrolado per LibreOffice troviĝas ĉe:
https://help.libreoffice.org/Writer/Automatically_Check_Spelling

Kvankam la esperanta aldonaĵo havas enorman vortaron, eble vi uzos nomojn aŭ vortojn kiujn ĝi ne havas. Vi povas aldoni ilin al via propra vortlisto. *Donald Rogers*



## 3zzz

Se vi ŝatas la rakontojn de Tibor Sekelj nepre aŭskultu la elsendon de la 15a de aprilo. Tiuj, kiuj intencas ĉeesti la Universalan Kongreson trovos ankaŭ kelkajn informojn de Mark Fettes pri la loko.



*Franciska Toubale*